

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: en januaro, majo kaj septembro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (21) 1/2013, januaro 2013

*La Amsterdama Katedro* estas kvarmonata retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 22an de januaro 2013 kompare kun la eldono (20) 4/2012 de la 7a de septembro 2012.

## Instruado pri interlingvistiko

La novstila, sespoenta kurso pri interlingvistiko (oficiale afiŝita kiel *Enkonduko en la interlingvistikon*) komenciĝis la 4an de septembro kaj estis instruita ĉiun mardon kaj ĉiun ĵaŭdon dum po du horoj ĝis la 18a de oktobro. La 20an de septembro Katalin Kováts prizorgis demonstran Cseh-lecionon kaj rikoltis belan sukceson. Ekzamenoj okazis la 2an kaj 25an de oktobro. Pro la ĝenerale malbonaj rezultoj atingitaj en la unua ekzameno, la studentoj ricevis la eblon akiri kroman 'helpnoton' per la verkado de eseo dum la monato novembro. Nur unu el ses kandidatoj profitis la okazon. La riparekzameno okazis la 20an de decembro.

Al tiu ĉi kurso aliĝis rekorda nombrego de 28 studentoj, sed kiom altiĝis la nombro, tiom sinkis la kvalito. Finfine, post tri ekzamen-okazoj kaj la ofertita helpo de kroma noto per eseo, sukcesis 15 kandidatoj, kun finaj notoj inter 5,7 kaj 9,0.

## Instruado de Esperanto

La duasemestra kurso de Esperanto okazos de la 5a de februaro ĝis la 21a de marto 2013. Ekzamenoj estas planitaj por la 26a de februaro kaj 28a de marto. La riparekzameno, kiel ĉiam, postulas apartan planadon, rezulte de la nombro da kandidatoj kaj de iliaj horar-postuloj kaj ebloj.

Ankaŭ tiu ĉi kurso disvolviĝos laŭ la nova stilo kaj estos iom reduktita kompare kun la kursoj de la pasintaj jaroj. La konsekvence akirebla poentaro konforme reduktiĝis al 6, same kiel okazis al la kurso pri interlingvistiko. Laŭ la reformulita plano la studentoj devus tralabori 19 lecionojn de la lernolibro kaj la koncernajn ĉapitrojn de la akompana gvidlibro (ĵus pretiĝinta ĉe *Readers On-line* kaj tie mendebla por studentoj). En la momento de redaktado de tiu ĉi bulteno aliĝis 17 studentoj al la kurso (2010–11: 17; 2012–13: 22).

## Aktualaĵoj

- La 12an de novembro mi prelegis nederlandlingve antaŭ publiko de la laborgrupo pri 'lernebleco de lingvoj' de ACLC pri aspektoj de la lernebleco (lernfacileco aŭ lern-malfacileco) de Esperanto (vidu pri tiu temo ankaŭ la menciojn en la pasinta eldono [20] 4/2012 de la 7a de septembro 2012).

- La 15an de januaro okazis ateliero pri Esperanto laŭ invito de la asocio de studentoj pri lingvistiko VOS. Ĝin prezentis Katalin Kováts, verve kaj sukcese. Eble pro la timigaj veterkondiĉoj, kun subitaj frosto kaj neĝo, multaj aliĝintoj ne aperis kaj finfine nur kvar studentoj partoprenis.

- Dank' al la klopodoj de la komisiitoj de Esperanto-Asocio de Britio pri la postlasaĵo de John Buchanan oni atingis ĉe la Universitato de Liverpolo, ke la serion da memor-prelegoj, rekomencitaj de mi en 2009 kaj 2012, transprenos pli ambicia kaj pli firm-fundamenta kunlabora programo kun la universitato. Por la printempo de 2014 estas planata komuna seminario por universitataj studentoj (de Liverpolo kaj Amsterdamo, sed ne nur) kaj aliaj interesitoj. Ĝi sekvos tri liniojn en parte paralelaj sesioj, kiuj kovros intensivan enkondukan kurson de Esperanto, la literaturon de Esperanto (kiun gvidos Paul Gubbins surbaze de sia nova dulingva antologio *Star in a night sky*) kaj lingvo-sciencajn facetojn de Esperanto (kiun gvidos mi). Iusence enkonduke mi prelegos en Liverpolo jam en oktobro.
  Ĉio ĉi jam en mia emerita stato (sic), sed eble kune kun nova katedrulo kaj studentoj, varbeblaj jam de nun. Ili ĝuos interesan subvencion el la Buchanan-postlasaĵo.

- Dank' al financa subteno de Esperanto Nederland, mi povis aĉeti ĉe la universitata printejo 22 ekzemplerojn de la lasta versio de la nederlandlingva kurslibro *Inleiding in de Interlinguïstiek* kaj bindigi ilin kiel 'memorlibron' por disdono al kelkaj bibliotekoj kaj al malgranda rondo de personoj, kiuj pro sia aparta rolo meritas ekzempleron. Inter la fino de decembro kaj la komenco de februaro ĉiuj ekzempleroj estos distribuitaj. Intertempe la elektronika dosiero jam estas disponigita al www.edukado.net por enretigo kaj senpaga konsultado kaj elŝutado.

- Denove dank' al financa subteno de Esperanto Nederland, eblos aĉeti ĉe la universitata printejo certan kvanton da ekzempleroj de la lasta versio de mia nederlandlingva gvid-libro, kiu akompanas la lernolibron *Esperanto via de directe methode*, kiun mi uzis dum ĉiuj Esperanto-kursoj (escepte de la unua en 2006). Ankaŭ ili estos binditaj kaj estos distribuitaj en malgranda rondo. Tio, tamen, okazos ne antaŭ majo-junio, t.e. post la lasta ekzameno kaj definitiva fino de la (ankoraŭ komencota) Esperanto-kurso de la dua semestro.

- Mi komencis la kompiladon de du kolektoj da historiaj dokumentoj, preparataj por esti printitaj kaj eldonitaj en broŝurita formo post la formala fino de mia katedra mandato, t.e. en septembro-oktobro de tiu ĉi jaro (2013). Unu kolekto enhavos ĉefe administrajn dokumentojn kaj raportojn, preskaŭ ekskluzive en la nederlanda lingvo, kiuj registras ĉiujn gravajn mejloŝtonojn en la vivo de la katedro inter 2002 kaj 2013. La alia kolekto enhavos ĉiujn Novaĵleterojn kaj tutan faskon da minoraj publikigoj, kiuj riskus perdiĝi kaj forgesiĝi, se ili ne aperus en tiu ĉi formo. Tiu ĉi kolekto enhavos grandan kvanton da esperantlingvaj dokumentoj.
  Ankaŭ en tiu ĉi kazo, Esperanto Nederland portos la produktokostojn.

## Publikigoj

Multan atenton mi dediĉis dum tiu ĉi periodo al la prespretigo de du manuskriptoj por la revuo *Esperantologio/Esperanto Studies* (EES), nome la esperantlingva 'Radikoj kaj vortoj en Esperanto' kaj la anglalingva 'The learnability of the reflexive in Esperanto'. Krome, post longa atendado alvenis la verdikto de du profesiaj lingvistoj-juĝlegantoj de la internacia A-ranga fakrevuo *Linguistics*, kiuj aprobis mian anglalingvan studon 'Esperanto parts of speech in functional discourse grammar', kondiĉe ke certaj plibonigoj estu enlaboritaj. Miaj plibonigoproponoj estis rapide aprobitaj, sed tri monatojn poste montriĝis, ke la eldonejo 'perdis' (!) la definitivan manuskripton. Nun la publikigo de la resendita materialo estas antaŭvidita en la tria numero, ĉirkaŭ junio.

## Estonteco de la katedro

Kiel konate, mi forlasos la katedron je la 1a de septembro 2013. Internacia Esperanto-Instituto (IEI), la jura reprezentanto de la katedro, ĉesos subteni la katedran agadon, kiun transprenos Universala Esperanto-Asocio (UEA).

La dekano de la fakultato, en kiu rezidas nia katedro, nomumis novan kuratoron por anstataŭigi Durk Gorter, kiu transloĝiĝis al Hispanujo. Lia anstataŭanto estas Arjen Versloot, profesoro pri ĝermanaj lingvoj. UEA siaflanke nomumis Nikola Rašić kiel sian kuratoron, kiu anstataŭos Hans Erasmus, kiu plenumis tiun funkcion nome de IEI.

La 17an de novembro 2012 aperis la varbanonco por nova katedrulo pri Interlingvistiko kaj Esperanto en la nederlanda gazetaro, kaj jam kelkajn tagojn antaŭe la universitato disvastigis ĝin en sia publike alirebla reto, tiel en la nederlanda kiel en la angla lingvo. La limdato por kandidatigi sin estis la 5a de januaro 2013. La kuratora kunveno por diskuti la situacion post la eventuale ricevita(j) sinprezento(j) estis planita por la 21a de januaro.

Kelkajn reagojn el la movado al la prikatedraj informoj de UEA mi alkroĉas ĉi-bultene por savi ilin de malapero en la forgesujon. Ŝajnas, bedaŭrinde, ke respondoj de la legantoj ne estas elŝuteblaj, sed nur legeblaj en la arkivo de LF. Ĉar en tiu ĉi periodo mi ne volas partopreni en publikaj debatoj pri la katedro, mi rezervas al mi la rajton reveni al ĉi tiuj kaj aliaj starpunktoj post mia definitiva eksiĝo el la katedra responso.

## La venonta novaĵletero

estos numero (22) 2/2013 kaj aperos en majo 2013, post la fino de la Esperanto-kurso.

Wim Jansen, la 22an de januaro 2013

WJansen

Aldonoj:
Esperanta Civito, elŝutita la 27an de novembro 2012.
Libera Folio, elŝutita la 6an de januaro 2013.



ESPERANTA CIVITO

# Nederlandeco tamen influas al UEA

Universala Esperanto-Asocio principe ne donas tiajn subvenciojn, pli-malpli asertis s-ino Ans Bakker, tiam responsa estrarano de UEA, kiam estis proponita la forviŝo de ŝuldo al UEA mem (ĉirkaŭ 17.000 eŭroj) pro la financado de la projekto "Indiĝenaj Dialogoj". Tiu subvencio vekis interalie la protestojn (http://www.esperantio.net/index.php?id=143) de c-ano Koffi Gbeglo, tiam UEA-komitatano.

Efektive la projekto estis bazita sur privata lernejo en Nederlando, kiu pruntis monon de UEA en la certeco ke la nederlanda ŝtato financos la projekton, kaj tiel la prunto estos repagita. Sed la ŝtato ne financis, "Indiĝenaj Dialogoj" ĉesis ekzisti kaj UEA post kelkaj jaroj transformis sian krediton al donaco, ankaŭ ĉar tiu kredito pezis sur esperantista paro.

Io simila okazas denove por subteni universitatan kurson en Nederlando. En la universitato de Amsterdamo, departemento pri lingvistiko kaj literaturscienco de la humanisma fakultato, ekde 1969 funkcias katedro pri interlingvistiko kaj esperanto. Ĝin sponsoris Internacia Esperanto-Instituto (sub prezido de s-ro Ed Borsboom), sed nun IEI rezignis plu mecenati. Ekde 2002, sub la gvido de la pensiiĝonta profesoro (inĝ. Wim Jansen) la katedro havis po 15 studentoj en ĉiu studjaro, ĝis nun entute 181 (92 pri interlingvistiko, 89 pri Esperanto).

*"Ekde 1 septembro 2013 UEA transprenos de IEI la respondecon pri la katedro por kvinjara periodo. Kuratoro de la katedro nome de UEA estos Nikola Rašic. Ĝis la fino de la nuna studjaro kiel kuratoro nome de IEI plu funkcios mag. Hans Erasmus. La du aliaj kuratoroj, nomumitaj de la universitato, estas prof. d-ro D. Gorter kaj prof. d-ro P.C. Hengeveld"* anoncis ĵusa gazetara komuniko. *"Kvankam UEA estas la formala partnero de UvA, la financan ŝarĝon kundividas la asocio Esperanto Nederland, kiu ankaŭ ĝis nun dividis ĝin duone kun IEI."* Tiu ŝarĝo atingas 20.000 eŭrojn jare.

Laŭ s-ro Osmo Buller, *"ĉar temas pri la sola universitata katedro de sia speco en la mondo, la Estraro de UEA konsideris grava kaj necesa garantii ghian pluan ekzistadon ankaŭ post la rezigno de IEI."* Ŝajnas ke oni forgesas almenaŭ pri la universitato en Torino, sed ne tiom gravas. Pli gravas konstati ke la teritoria faktoro influas en la subvenciaj decidoj: almenaŭ du gravaj precedencoj estas registrendaj.

Parenteze, per tioma sumo jare ne unu katedro, sed tuta instituto funkcius en la nigra Afriko. Kien la universaleco de UEA?

[HeKo 519 1-A, 19 nov 12]

---

# La Amsterdama katedro perdas la subtenon de IEI

de Redakcio — Laste modifita: 2012-11-18 19:15

**Internacia Esperanto-Instituto en Hago, IEI, nuligas sian financan subtenon al la Katedro pri interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo. Por eviti nuligon de la tuta katedro, Universala Esperanto-Asocio transprenas la respondecon. La jara kosto povas atingi 20.000 eŭrojn, sed el tiu sumo la landa asocio de UEA en Nederlando promesis pagi parton. Kiel sekvan kuratoron de la katedro UEA elektis Nikola Rašić. Mankas informo pri la kialo de la decido de IEI ne plu sponsori la katedron.**

Ekde la jaro 1998 ĉe la Universitato de Amsterdamo ekzistas katedro pri interlingvistiko, financata per eksteraj kontribuoj. El la vidpunkto de la studentoj la statuso de la kursoj neniel diferencas de la cetera universitata instruado, kaj la respondeculo (nuntempe profesoro Wim Jansen) havas la saman statuson kiel aliaj universitataj profesoroj. Tamen anstataŭ universitata salajro, la respondeculo ricevas honorarion de sponsora organizo, rekonita de la universitato.



La biblioteko de la universitato.

Ekde la fondiĝo la katedron subtenis la fondaĵo Stichting Esperanto bij het Onderwijs ("Fondaĵo Esperanto en la instruado"). En 2004 la fondaĵo kunfandiĝis kun Internacia Esperanto-Instituto en Hago, kaj de tiam la ĉefan sponsoran respondecon havas ĝuste IEI. Pri financado kunlaboras la landa asocio de UEA en Nederlando, Esperanto Nederland.

**Pasintjare IEI tamen** anoncis, ke ĝi ne plu deziras respondeci pri la sponsorado de la katedro, post kiam en aŭgusto 2013 finiĝos la nuna sponsora mandato. En februaro 2012 reprezentantoj de UEA en renkontiĝo kun respondeculoj de IEI kaj Esperanto Nederland anoncis, ke UEA pretas transpreni la respondecon, kondiĉe ke la Universitato de Amsterdamo akceptas la asocion por la tasko. Esperanto Nederland promesis altigi sian kontribuon, tiel ke la elspezo (sume ĝis 20.000 eŭroj jare) ne iĝu tro granda ŝargo por UEA.

Laŭ cirkulero dissendita de profesoro Wim Jansen fine de oktobro, la universitato preparis malnetan tekston de varbanonco por trovi novan profesoron. La universitato nun akceptis, ke UEA estu la nova sponsoro de la katedro. La finan proponon pri la nova profesoro tial devos akcepti la estraro de UEA.

Laŭ la sama cirkulero, UEA jam elektis Nikola Rašić kiel sian kuratoron ĉe la katedro. Responde al demando de *Libera Folio*, Nikola Rašić konfirmas ke li estis elektita, sed formale ekpostenos nur ekde septembro 2013, kiam retiriĝos la nuna profesoro Wim Jansen kaj la nuna kuratoro Hans Erasmus. Ion plian pri la afero li ne pretas diri antaŭ ol la afero iĝos pli oficiala. Ankaŭ la ĝenerala direktoro de UEA, Osmo Buller, ne pretis komenti la situacion ĉirkaŭ la katedro antaŭ ol UEA dissendos sian propran gazetaran komunikon pri la afero.

**Mankas informo** pri tio, kial Internacia Esperanto-Instituto en Hago ne plu volas kontribui al la financado de la katedro. Tion ne eksciis eĉ partoprenintoj de la februara kunsido pri transdono de la respondeco al UEA. Neniu indiko pri la decido aperas en la retejo de IEI, kaj IEI ne tuj respondis demandon de *Libera Folio* pri la temo. Ĝis nun ankaŭ ne venis ajna respondo de IEI al demandoj senditaj jam en 2009 pri la tiam aperintaj informoj rilate grandan monfraŭdon ĉe IEI.

IEI estas malnova kaj ŝajne finance solida institucio, fondita en la jaro 1930 de Andreo Cseh. Pro diversaj donacoj kaj heredaĵoj IEI almenaŭ ĝis antaŭ kelkaj jaroj havis grandan financan bonhavon. IEI pli frue posedis du domojn en Hago, Nederlando. Antaŭ deko da jaroj la instituto vendis unu el la domoj kaj tiel havigis al si kapitalon. La restanta domo estis renovigita. El tiu ĉi IEI luigas nun parton, ricevante konstantan enspezon.

Rilata enhavo

- Miloj da eŭroj fraŭditaj de Esperanto-organizaĵo
- Orellana Rojas dementas asertojn pri fraŭdo

arkivita en: movado